# POLA ESPERANTISTO

XXIX JARO | AŬGUSTO - SEPTEMBRO 1935 | 8 — 9 NUMERO

## ESPERANTYSTA POLSKI

ELDONANTO WYDAWCA POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO

REDAKTANTOJ REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID — TAD. HODAKOWSKI

APERAS LA 1-an DE ĈIU MONATO. REDAKCIAN MATERIALON ONI PETAS SENDI ĜIS LA 20-a DE ĈIU MONATO.

## *MIGRANTA KONGRESO DE 35 POPOLOJ.*

Mi revenas de kongreso, kiu ĝis nun ankoraŭ neniam okazis, de la kongreso de 35 popoloj de l' mondo, parolantaj nur unu lingvon, de la kongreso, kiu dum preskaŭ 20 tagoj vizitis ĉiujn gravajn urbojn de la nuntempa Italio, konantiĝis pri la mirinda lando de multaj historiaj memoraĵoj kaj samtempe pri kuriozaj naturkreaĵoj, Vezuvius, Etna, Stromboli, Lazura groto kaj fine sukcesis atingi afrikan bordon en Tripolis kaj montri kiel aspektas praaj sablajoj en suna flamego de ardanta dezerto kaj belegaj aŭtostratoj, sur kiuj, aŭ preter kiuj, en plena seriozeco marŝas karavanoj de kameloj, rigardantaj kun strange filozofia trankvilo ĉiujn ĉi modernajn aranĝojn, al kiuj iliaj plataj piedoj malrapide ekalkutimiĝas.

Sed oni laŭsekve traveturu kun la kongreso la belan Italion!

Ni interrenkontis en Venecio, kie la kongreso komenciĝis. Gastamaj mastroj de la kongreso en personoj de profesoroj: Canuto, La Colla kaj Orengo jam aranĝis ĉion necesan, por ekkoni ekspozicion de verkoj de Tiziano. Kongresanoj post ripozo en menditaj hotelĉambroj dum neplene du tagoj trakuris tiun ĉarman Reĝinon de l' Maro.

Delonge mi ne vidis Venecion. Ĝi multe gajnis pro la nova mastrumado. Ne ekzistas almozpetado kaj manetendado ĉiupaŝe aŭ sintrudemaj gvidantoj, kiuj estis agentoj de kolorvitraĵaj fabrikoj. Estas la samo videbla en tuta Italio, kie nun ekregis tute nova kulturo kun konservado de ĉiuj plusaj ecoj.

Eble vi demandos: kion oni tie parolas pri la milito, ĉar ĝi ja estas la plej grava demando de la nuntempa Italio.

Oni nenion parolas. Eble iatempe estas videbla malĝojo sur vizaĝoj de patrinoj, edzinoj, fratinoj de tiuj, kiuj forveturis al necerta sorto.

Kaj estas kelkfoje aŭdebla timo pro la nova kataklismo.

Sed tio aperas tiel malofte, ke videble regas granda fido al Duce, kiu certe finos la aferon tiel, ke li prizorgos ŝpari vivon de siaj civitanoj.

Venecio, Tiziano kaj liaj verkoj okupas unuan lokon.

Li estis tiu, kiu havante 99 jarojn ankoraŭ pentris. Do li ankoraŭ laboris ĉe sojlo de l' morto. Kaj kiajn belajn verkojn li kreis! Kiel mirindega varieco de koloroj! Unu el liaj bildoj tute memorigis al mi verkojn de Matejko.

Kaj nun Florencio. Ĉi tie en dense plenigita salono de Parte Guelf ni aŭskultis prelegon pri Dante, aŭdigitan de majstro de la nova lingvo, hungaro Julio Baghy.

Kiu dubas, ke en tiel nomata artefarita lingvo oni povas esprimi la plej delikatajn sentojn, tiu konantiĝu pri „Dia Komedio" de Dante en traduko de Kalocsay. Kiel bele li sukcesis envortigi la poemon de amo al Beatrice!

Ni estas en Romo. Italaj fervojoj funkcias lerte. Ordo kaj pureco ĉie estas modela. La iama tria klaso malaperis. Du turistaj trajnoj, eksterordinare malkare prikalkulitaj, preparitaj de la organiza komitato, veturigis pli ol 1000 kongre-

sanojn. Servistaro de restoraciaj vagonoj funkcias bonege kaj rapide kaj krome malkare.

Tie okazas solena malfermo de la kongreso kun reprezentantoj de la registaro kaj aliaj ŝtatoj kaj de delegitoj de diversaj institucioj. Prezidas subsekretario de stato S. E. Temedei, vicministro de justeco. Mirige aspektas lia kostumo. Nigra ĉemizo, kun alzonita sabro. Inteligenteco radias el la vizaĝo.

Ni estas en domego, konstruita sur ruinoj de maŭzoleoj de preskaŭ ĉiuj cezaroj en Aŭgusteio. Enmurigita tabulo ĉe la enirejo sciigas nin pri tio.

Bonega itala militista orkestro ludas himnojn italan kaj Esperantan.

Paroladoj de delegitoj de diversaj ŝtatoj kaj nacioj. Reprezentanto de Polujo ricevas multajn aplaŭdojn, kiuj en unua momento ne permesas al li ekparoli. Car ja ĉiuj scias, ke Polujo estas lulilo de tiu lingva kreajo, kiu jam nun faras revoluciajn ŝanĝojn en la mondo.

Kun kontenteco, esprimita per reaj multaj aplaŭdoj, la kongresanoj ekscias pri la invito al la kongreso post du jaroj en Varŝavo.

Ĉar tiam ja estos 50-jara jubileo de l' apero de la unua libreto de Zamenhof. Jubileo de la nova lingvo, la plej facila interkomprenigilo, kreita de nia samlandano en Varŝavo. Per aplaŭdoj oni ankaŭ akceptis inviton al Vieno por la venonta jaro, faritan de s-o registara konsilisto Steiner.

Mi ne menciis, ke ĝi okazis en unu el plej belaj kaj grandaj salonoj en Romo kun bonega akustiko. Tie okazadas famaj romaj koncertoj. 1500 kongresanoj kaj duoble tiom da gastoj enestis komforte.

Sekvis vizitado de l' urbo kaj multaj ekskursoj al ĉirkaŭaĵoj. Sed ĉu oni povas paroli pri vizitado de tiuj objektoj samtempe, dum tiel mallonga restado, kiun ni disponis!

La plej bela estis vidaĵo al la urbo for de la Janikula monteto, el sub piedaĵo de monumento de Garibaldi. Kaj malantaŭ la monumento de tiu granda liberiginto de Italio, kiu montris al ni tiom da simpatio en memorinda 1863 j., monumento de lia edzino, rajdanta galope, ĉu ne estas bildo de niaj militantaj virinoj? Legenda hodiaŭ fraŭlino Plater kaj vivantaj defendantinoj de Lwów kaj Wilno — kaj kiom da junaj vivoj pereis!

Kiel tute alie oni rigardis tiun monumenton de l' liberiginto de Italio hodiaŭ, kiam ni havas en freŝa memoro agojn de nia neniam forgesebla Komandanto!

Neniam en la vivo mi travivis similе subliman komparon.

Nun oni devas reiri al pli malnovaj rememoroj. Rigardi tiujn verkojn de cezaroj, kiuj nun estas kun ĉiam pli granda zorgemo elfosataj.

Jen Forum Romanum — atestanto de tiu granda potenco, kiu ruiniĝis, kaj jen Colosseum, kie la nova Ideo elsendadis milojn da Konfesantoj por manĝigi ilin de sovaĝaj bestoj.

Kaj novaj verkoj kreskintaj sur ruinoj de la antikva roma kulturo.

Katedralo de S-ta Petro, de tiu, al kiu Kristo diris: antaŭ ol koko dufoje ekkrios, vi trifoje malkonfesos min. Mirindaj vortoj de komprenemo kaj superhoma amo al la malriĉa fiŝisto, kiu fariĝis rokaĵo de Eklezio.

En Romo la restado de la kongreso daŭris plej longe, ĉar tie kunsidadis diversaj sekcioj de la kongreso: katolika, scienca, prelegoj de somera universitato, inter tiuj interesa prelego de s-o Grenkamp pri kulturaj rilatoj de Polujo kaj Italio kaj diversaj aliaj, inter kiuj oni devas mencii pri virina sekcio kaj tiu blindula.

Vespere okazis internacia balo en naciaj kostumoj, inter kiuj distingiĝis kostumo de s-ino Zofja Orosz el Varŝavo en malnovpola „kontusz". Mi ne ĉeestis la balon, sed vidis la kontuŝon kaj la posedantinon mi ekkonis.

Kostumoj de niaj parencgentanoj ĉeĥoj estis laŭdire belaj, sed iliaj posedantoj havis tro konveksajn ventretojn. Sed bv. memori, ke mi parolas nur pri la vira duono.

Kiel en kalejdoskopo. Ĉar jam Napoli. Vesuvius'on mi vidis jam kelkfoje malpli ĝentila. Hodiaŭ li fumas modeste sian pipeton. Kaj ĝi ja estas unu el plej belaj vidaĵoj de l' naturo.

Ekskurso al Pompeii, kiu estis unu el plej interesaj, montris al mi diversajn novajn elfosaĵojn, kiuj antaŭ tridek jaroj ankoraŭ ne estis. Multe pliiĝis de tiu tempo, kiam mi vidis ilin tiutempe. Oni rekonstruis defendan turon, elfosis domon de Dei Vettii kun eksterordinare belaj pentraĵoj kaj skulptaĵoj! Bela templo de Venus, patronino de Pompeii, kompletigita de novaj elfosaĵoj. Novaj objektoj sur Forum.

Kiam oni staras sur Forum, oni vidas tiun minacan Vesuvius'on, kiu por jarmilo enfosis la urbon. Oni vidas ĝin an-

kaŭ de aliaj punktoj, sed de neniu tiel alparolas: memento mori!

Kaj nun Capri kaj ĝia per mirinde belaj bluoj briletanta Lazura groto.

Oni devis tien rigardi ankoraŭfoje.

Malta. Insulo en brita posedo. Grandaj monitoroj tion signas. Antaŭ la elŝipiĝo juna finnino, vojaĝanta kun antaŭ nelonge edziĝita ĉarma junulo, ambaŭ doktoroj de filozofio, malagrable akcidentis. Ŝi glitfalis sur jus lavita planko de la ŝipo kaj rompis brakon. Feliĉe estis proksime kuracista helpo en persono de hungara deputito, sperta ortopediisto, ĥirurgo, s-o Benard, hungara eksministro. Anstataŭ ekskurso — vizito al rentgenologo sur Malta. Kaj ĉi tion kulpas altaj kalkanumoj.

Messina. Urbo de ĉiam ripetiĝantaj krevadoj de terkrusto. Mi vidas ĝin nur traveturante.

Kaj la maro ĉiam ĉarmege trankvila. Varmego ĉiam pli granda. Ni traflosas la legendajn Scilla kaj Charibda.

Kiom valorus ankoraŭ skribi! Sed oni devas verki koncize, ĉar mi jam vidas, ke mi komencas esti enuiga.

Nenio estas pli bela, ol vojaĝo sur maro dum plenluno.

Mi konsilas al ĉiu provi. Nu sed antaŭe estas nepre necese mendi belan veteron.

Kaj fine Tripolis.

Terura varmego. Eĉ surmare sentiĝas forta ardo. En kajuto oni povas nur malfacile elteni. Ĉio elkuras sur ferdekon. Neniam en la vivo mi vidis sur la ŝipo tiom da „senvestuloj" (esprimo nepreciza). Libereco en sinvestado nepriskribebla. Nia hungaro venas al tablo en preciza bankostumo, je kio granda parto da kongresanoj provas ofendiĝi.

Sed la hungaro rigardas ĉiun kun mieno: kion vi faros al mi?

Kaj ĉio iom post iom ŝajnas esti en plena ordo. La hungaron komencas imiti multaj sinjorinoj. Eĉ la aĝaj, ĉar la junaj jam delonge tiel promenas. Kaj nenio iun ofendas. Tiom pli, ke en malvasta baseno sur la ŝipo estas ĉiam svarme, gaje kaj tumulte. Kelkfoje oni subakviĝas laŭ maniero nepriskribeble ridiga.

Tripolis havas multajn memorajojn el tempoj feniciaj, precipe en palaco de gubernatoro, kiu meritas esti vizitata.

Kaj jam forveturo al la plej proksima oazo. Vojoj ĉie unuarangaj. Aŭtostratoj. Ni vidas laŭvoje multajn karavanojn de kameloj kaj tie preskaŭ nin trafis akcidento, ĉar iu kamelo videble volis memmortigi sin kaj proksimege antaŭ la kuregانta aŭtomobilo ekstaris laŭlarĝe de la vojo. Ĉu ni rigidiĝis? Ne estis por tio tempo. Ŝoforo haltigis la ĉaron tuj antaŭ la ne sukcesinta sinmortiginto, kiu ricevis de la posedanto terurajn batojn. Estas malagrable rigardi la turmentadon de tiu bedaŭrinda, humila besto.

Danco de araboj. Reveno al la urbo. Ne imagebla varmego dumvoje, kvazaŭ aero el ardanta forno.

Nu, sed kial oni veturis somere Afrikon? Oni devis ekvidi, kion sukcesas la afrika suno.

Kaj nun reveno rekte al Genua. Mallonga halto en Palermo.

Dumvoje ni vidas grandiozan vulkanon Stromboli, miaopinie pli imponan ol Vesuvius.

Vetero ĉiam belega. Ĉiam pli malvarme.

En Genua fermo de la kongreso kaj adiaŭo al niaj gastamaj mastroj sub signo:

Ĝis la revido venontjare en Vieno kaj post du jaroj en Varŝavo.

**Prof. Dr. Odo Bujwid.**

**La artikolo aperis en „Ilustrowany Kurjer Codzienny" kiel felietono.**

## *„PAŜO POST PAŜO", AŬ LA ILUZIOJ DE LA ESPEPANTISTOJ DE PASINTA GENERACIO.*

Kiu esploras la esperantan movadon ne dum kelkaj jaroj, sed dum 27 jaroj, sekve dum la vivdaŭro de unu juna persono, tiu ĉi povas klare vidi, ke malgraŭ ĉiuj ŝanĝoj en nia movado, pri kiu oni povas jam verki specialajn monografiojn, principe la ideo ne ŝanĝiĝis, sed nur la lasta celo laŭ iuj adeptoj pli proksimiĝas, laŭ aliaj malproksimiĝas. Oni nomas tiun ĉi celon la „fina venko". Pri ĝi ne ekzistas ankoraŭ difinita literaturo, eĉ ne artikoloj. Oni scias, ke „la fina venko" estos la stato, kiam ĉiu homo estos esperantisto, scipovanta legi kaj paroli esperante, kiam la lingvo de L. Zamenhof estos instruata devige en ĉiuj landoj. Sed pri la vojo, gvidanta al tiu ĉi celo, vane vi serĉus unu homogenan opi-

nion en la esp. jurnalaro. Proponoj de la rimedoj estis abundaj, se ne „sen-nombraj", multaj el ili estis tre valoraj, ili plivigligis la sang-kuron en la vejnaro de esperantistaro. Ekz. unu el tiu ĉi gloraj paŝoj estis fondo de Universala-Esperanto Asocio en 1908. Sed ili aŭ havis celon krei „unu grandan rondon familian" de diversnaciaj esperantistoj, sed ankoraŭ ne de diversaj nacioj, aŭ celis disvastigi esperanton en pli grandaj rondoj ol ĝis nun. Sed, se vi demandus antaŭ la milito eĉ la plej aktivajn esperantistojn pri la vojo, kiun oni devas elekti, por ke la „fina venko" estu atingita, vi vane atendus klaran kaj difinitan respondon.

Antaŭmilita esperantisto varbiĝadis plej ĉefe el la homoj, kiuj laŭ la denaskaj inklinoj estis idealistoj, ofte utopiistoj, ĉe kiuj ideo pli multe valor's ol la realaj viv-kondiĉoj propraj kaj sociaj, ili estis tiel entuziasmigitaj pri „la mirinda donaco de la ĉielo", ke „la fina venko" okupis en iliaj cerboj tre malmulte da loko. Plej grava por ili estis ne la estonteco, sed estanteco. Oni komprenis, ke per la dua bone organizita, oni trovos vojon al la pli brila unua. Estonteco pri-radiis la entreprenojn de noblaj agantoj, sed oni vivis per tiu ĉi estonteco travivante kurantan momenton. Propagando disvastiĝis en la mallarĝaj rondoj kaj tial la tuta aktiva vivo esperantista alcentriĝis en la societoj. Ekster ili regis rigida neŭtraleco, se eĉ ne malamikeco. Oni ebriiĝis per himnoj, kantoj, babiloj en la societoj, tiuj ĉi veraj elkoviĝejoj de „novaj batalantoj" de kreskanta afero, kaj kun fervoreco oni denove komencis ekagi. Ĉiu nove kaptita adepto estis kaŭzo de ĝojo, ĉiu nova grupeto post finita elementa kurso „granda sukceso". Unu el miaj tiamaj koratoj diris al mi kvazaŭ kun riproĉo: „Mi miras, ke samideanoj ne ĉiu-tage vizitas nian societon. Mi ĝin vizitas ĉiutage, kaj ĉiam mi trovas ion novan". Tiel ekfervoriĝis la nova ideo iujn cerbojn. Oni kvazaŭ ne vidis rigidecon ekstersocietan, oni ĝin ne volis vidi. Okazis kelkfoje mirindaj surprizoj. Ekzemple, kiam en 1912, post la VIII Universala Esperanto-Kongreso ideo esperanta disvastiĝis en urbo Krakovo kaj tial la societo komencis perdi sian vivemecon, oni ne povis ekkompreni la situacion. Antaŭvideble devis ja la societo pligrandiĝi kaj tamen malgrandiĝis! Kial? Ĉu la diagnozo estas ne-ebla?

Sed efektive la nombro de esperantistoj ne en la **societo**, sed en la **urbo** tute ne malgrandiĝis, sed kontraŭe pligrandiĝis! Do estis nenia efektiva kaŭzo por ĉagreno!

Estis iluziuloj, kiuj opiniis, ke sufiĉos pligrandigi la nombron de membroj de esp. societoj. Ju pli ili estos multenombraj, des pli bone estos. Krom ĝeneralaj societoj ekestis la specialaj, fakaj, ekz. de poŝtoficistoj, kuracistoj klp. La socio kovriĝos per aro da societoj kaj iagrade ensorbos per sia ideo la tutan nacion.

Kompreneble tio ĉi estis vana iluzio. Societoj esperantaj ludos rolon provizoran. Eternaj ili ne estos kaj ne bezonas esti. Ju pli disvastiĝos la lingvo kaj ideo, des pli granda kaj vasta estos la disŝutiĝo de la societoj. Kaj neniu bedaŭros tiun ĉi fenomenon. Se anstataŭ unu dungita ĉambro ni disponos per ĉiuj lernejĉambroj en la tuta lando, kial subteni tion-ĉi, kio estis nur trapasa dum unu kuranta periodo.

Estis karakteriza trajto de tiu ĉi, precipe antaŭmilita periodo, ke ĉiam pensante pri malproksima estonteco, oni tamen estis plenspirite absorbita per kuranta propaganda momento. Estonteco, kvankam ruba, ne absorbis tro multe la tiamajn agantojn. Kvazaŭ plej bona formuligo de la tiamaj agordoj de esp. rondoj estis verso el himno „Espero": paŝo post paŝo, post longa laboro, ni atingos la celon en gloro". Sekve nenia konkreta agadtaktiko, sed „paŝo post paŝo" la esperantismo realiĝos per procedo de ĉiutaga alkresko, simile kiel „paŝo post paŝo" alproksimiĝas post la vintro kaj printempo la somera, rikolta tempo. Sekve realigon de esp. sonĝoj oni imagis al si kvazaŭ iun naturan fenomenon. Kiam tio ĉi okazos, oni ne scipovis difini detale, oni nur sciis, ke tio ĉi okazos „post longa laboro". Kaj tio ĉi sufiĉis por la tiamaj agantoj.

Kiu rememoras tiun periodon, tiu scias, ke tiel viglan societan vivon plenan de entusiasmo la esperantistaro jam eble neniam travivos. Okuloj brilis, la koro pli vigle batis, la spirito estis plene okupita per „la nova sento" promesanta „sanktan harmonion".

Unuvorte, resumante ĉion oni povas tiel difini la tiamajn agordojn: oni revis pri estonteco, sed vivis per la estanteco.

La taktiko gvidanta al „la fina venko" estis pli mistika kaj poezia ol reala.

Kaj nun, post la jaroj ni vidas, ke tiun ĉi sanktan, noblan agordon subite subtorpedigis la eksplodo de la milito en 1914 kaj detruis preskaŭ la tutan ĝisnunan konstruon. Sed sufiĉis du jaroj post la milito, dum la kongreso en Praha 1920 oni jam povis konstati, ke „subite kreskas (denove) la afero" el sub la ruinoj.

Sed la nova periodo estis jam iom ŝanĝita. Naskiĝis novaj agordoj, ne tiom idealaj, sed pli praktikaj.

Poste, de 1922 jam intensive komenciĝis la periodo, dum kiu la esperantistoj precipe en Ĝenevo komencas ataki la diplomatojn kaj Ligon de Nacio. Ion oni akiris, sed ne multe kaj nur „principe". Sed la vojo estis jam elhakita. Oni momente ĉesis ĝin marŝi pro la ekonomia krizo monda, kies sekvoj estis similaj al la influo de la mondmilito 1914—1918, kaj daŭros ankoraŭ longe.

En la interrilato kun la alproksimiĝanta 50-jara jubileo de publikigo de esperanto en 1887 oni pli-malpli komprenas, ke duono de jarcento estas tamen granda periodo. Se esperanto ne estas tamen ankoraŭ instruata ĝenerale io mankis en la ĝisnuna taktiko. Oni, laŭ ni, devas fine ekkompreni, ke per propraj elspezoj de esperantistoj en la kursoj organizitaj en la dungitaj ĉambroj la tutaj nacioj ne esperantiĝos. **Vana iluzio!** Kio estis bona komence, fariĝis nesufiĉa post ia tempo. Ni bezonas ŝtatan helpon ne de unu lando, sed de multaj, kiuj samtempe enkondukus esperanton en la lernejojn. Ni devas ataki diplomatojn. La vojon mi jam multfoje montris kaj priskribis (ideo de Interŝtata Esperanto-Akordo).

Sed ankaŭ vana iluzio estos la realigo de Akordo, se la aferon gvidos nur kelkaj personoj en nia ĝeneva centro. La laboro postulas multajn agantojn en ĉiuj landoj. Simile kiel dro Zamenhof neniam sukcesus, se li nur unu volus gvidi ĉion, ĉar tio ĉi estus ekster lia povo, simile ankaŭ nenion sukcesos nia ŝatinda, ĝis la trasangumo de la cerbo laboranta Robert Kreuz, se li ne estos helpata de la agantoj en aliaj landoj.

Unue oni devas popularigi ideon de Interŝtata Esperanto-Akordo **inter la esperantistoj** mem en ĉiuj landoj. Ili nenion scias pri ĝi. Ili ne komprenas ĝian gravecon. Ili ne eksentas, ke tiu ĉi babilema, ludema periodo de fermitaj societoj esperantaj devas jam finiĝi. Ili sole ne realigos la songojn de esperantistoj. Ili gvidas la movadon al marĉo.

Do ni ekiniciatu kaj popularigu tiun ĉi ideon. Tiam oni povos komenci atakon ĉe ministerioj de ĉiuj landoj. Sed la popularigo de la ideo ĉe esperantistoj postulas ankoraŭ multe, multege da laboro. Ĝi ankoraŭ preskaŭ (eble ia-grade esceptinte Polujon) ne estas komencita.

Ni ne havu plu la iluziojn: belaj, noblaj ideoj ne venkas nur per sia nobleco. Se estus alie la ideo pacifista jam delonge estus venkinta. Simile koncerne la eltrovaĵojn kaj malkovrojn. Eltrovaĵon de pentrarto oni povis fari jam en la antikveco. Mirinde estas, ke oni ĝin ne faris. Amerikon malkovri povis jam grekoj kaj romanoj. Tamen ili ĝin ne malkovris. Kial? Neniu donos al vi la respondon. Oni ne scias kial. Eble pro tio, ke mankis la iniciatinto.

Simile estas pri esperanto. Se ni forte kaj obstine ne postulos la realigon de Interŝtata Esperanto-Akordo, ni ne venkos malgraŭ la beleco de esperanta ideo. Oni ricevos nur tion ĉi, kion oni postulos. Se oni ion ne postulas oni ĝin ne ricevas.

Do: estonteco de esperanto ripozas en la manoj de esperantistoj!

**Dr. Antoni Czubryński.**

## 30.000-SKOLTA URBO EN ARBAROJ..

La 25-jara jubilea Jamboreo ĉe la pola skoltaro irigis en la arbarojn de Spala, la somera rezidejo de la pola ŝtatprezidanto, ĉirkaŭ 30 000 da skoltoj, inter kiuj estas kelkaj miloj da skoltoj el diversaj landoj. Neforgeseblan vidon prezentas tiu unika „urbo", dividita en kelkajn kvartalojn-tendojn. Malgrandaj tendoj, dometoj, blankaj, bluaj, verdaj kaj flavaj okupis multkilometran arbaron. Ĉiu kvartalo estas fermita per ŝnuro kaj nur speciala pordego, gardata de „policisto" aŭ „policistino" — ne unu foje 12-jara, kondukas en la internon. Ĉar ne ĉiu ĉiam havas rajton eniri tiujn kvartalojn. Ĉiufoje ĉe la pordego la

„policisto (-ino)" haltigas: „stop! enirpermeso"!... Mi ĝuis bonŝancon. La ricevita speciala ĵurnalista karto malfermis al mi ĉiujn pordojn. Sed la publiko devas atenti la regularon: ricevi specialan vizit-permeson, aŭ iri en la tendaron en la vizit-horoj.

Unue mi iris al la skoltinoj, mi volis unue vidi, kiel mastrumas la junaj hominoj en sia virina regno... En ĉarme ornamita pordego staris ne malpli ĉarma, 12—14 jara „policistino", kiu kontrolante mian „universalan enirpermeson", montris al mi liberan vojon, per mieno serioza kiel decas por policano. — Sed mi surpriziĝis: alproksimiĝinte al la unua „domo" mi ekaŭdis elinterne (ĉar pluvis) virajn voĉojn. Kaj ĝuste, en la tendo de polaj skoltinoj sidis kelkaj hungaraj kaj rumanaj skoltoj. Mia alveno ne ekĝenis la societon, ili daŭrigis la interparolon (pli precize: ili klopodis interparoli, ĉar unuj ne komprenis la aliajn). Sole unu vorto estis internacia, universala, kaj komprenebla por ĉiuj. Inter la skoltoj ekzistas kutimo interŝanĝi ĉion; por butono de rumana skolta surtuto, pola skoltino donas poŝtukon aŭ rubandon, por la plumo, kiun portas en la ĉapeloj la hungaraj skoltoj, oni povas ricevi belan kravaton de pola skolto. Unu vorte, ĉio estas valoraĵo kaj ĉio estas ŝanĝenda; ŝnureto, insigno, tranĉileto, moneroj ktp. ĉio trovas aĉetanton, sed ne por mono, nur en la antikva formo „varo por varo".

Oni interŝanĝas ankaŭ la... korojn.... Tial, en la anguloj ĉu sub la arboj oni renkontas Svedinon kun Ĉeĥo, Anglon kun Estonino, Latvinon kun Hungaro k. a., kiuj volas paroli (bedaŭrinde unu ne komprenas la alian), kaj sentas reciproke amikajn sentojn, kaj de tempo al tempo, kvazaŭ por interrompi la ambaŭflankan, nekompreneblan parolon ili eldiras la konatan vorton „ĉenĉ." (ŝanĝi), kiu fariĝis universala „interkomprenilo"....

En la tendoj regas modela ordo; la litoj kovritaj por diverskoloraj kovriloj, kreas ian mozaikan bildon. La loĝantinoj gaje ridas, ei ĉiu ilia vorto ŝprucas nemezurebla ĝojego ekĉerpita el la belega alt-pina arbaro kaj el la ĉarma rivero Pilica, kiu majeste serpentumas tra ĝia mezo....

La viraj kvartaloj, kiujn mi poste vizitis memorigas formalan formikejon Ĉiu laboras, ĉiu havas sian funkcion. Sed plej multe moviĝas la etuloj la 8 kaj 10-jaruloj. Ili vetkuras kun ĉiuj. Ili klopodas, ke ĝuste iliaj dometoj estu la plej belaj kaj plej bele ornami aj. Ili tre ofte sukcesas. — La plej bonan impreson faras la Hungaroj; ĉe la defilado, en la aranĝoj, en la tendaro, ĉe ili elmontras la plej altan klason...

Kiam oni forlasas la Jamboreon en Spała, la urbon de 30.000 gejunuloj, oni multe pensas pri ilia vivo kaj eduko kaj la impresoj akompanas nin dum multaj, multaj tagoj. **Henriko Gelb, Varsovio.**

**DR. LEOPOLD DREHER.**

# LINGVA ESPLORO.

En aprila numero de P. E. mi trovis „la sorto nin gardu kaj ŝirmu antaŭ..." Devas esti, laŭ Lingvaj Respondoj de Zamenhof: la sorto nin gardu kaj ŝirmu **kontraŭ...**

La sama aŭtoro uzis laŭdindan esprimon: azenecaĵoj, kion mi rimarkigas por pruvi, ke... malgraŭ tio mi ne povas konsenti kun la esprimo: „kiu devigos neniun al nenio kaj nenie", pro tio, ke du neoj en nia lingvo konsistigas — jeson!

Iom malfacila en Esperanto estas tia esprimo: ne multe estas farebla. El gramatika vidpunkto devus estis: ne multo estas farebla, aŭ ne multe estas fareble. Plej bone estas diri: ne multe ni povas fari.

„Je invito" uzita de iu raportanto devus teksti: laŭ invito. „Ĉe akompano de pianistino" ankaŭ ne estas tute korekta. Mi preferas: akompane de pianistino.

Eble pro preseraro aperis en la sama numero de nia gazeto: oni trompetas, anst. oni trumpetas. Interesa presdiablo!

„La grupoj pagas al PED zł. 0.90 kiel kotizo", kompreneble devas porti la akuzativan finaĵon: kiel kotizon.

Tute similan eraron faris iu alia en la sama gazetnumero, skribante: li montris la folkloron **kiel fonto** de inspiro, anst. kiel fonton.

„Sed kaptiris lin en la rondojn", verŝajne estas preseraro anst. kaptiris. Sed eble „entiris" sufiĉas.

„Lingvo viva ĉiun deviganta" verŝajne volas traduki la polan vorton zniewaiający. Se estas tiel, mi proponas: ravanta, alie mankas la komplemento: al kio deviganta? deviganta fari kion?

„Vetserĉi" estas bela esprimo. Tion mi rimarkigas, por... mallaŭdi la vorton: atendsopiras. Oni povas en Esperanto tre facile kunmetadi du-tri radikojn, sed kondiĉe, ke ili ne formas tro monstrajn kreaĵojn. Por tio taŭgas speciale radikoj mallongaj, sed malfacile faras tiun servon radikoj kelksilabaj, precipe se la unua finiĝas je du konsonantoj: la elparolo de „atendsopiri" fariĝas tiakaze vera turmento.

Kion signifas: irizi? La aŭtoro devis klarigi. Same la vorton: neonlumo, kiun ne komprenas fremduloj.

„Flamtrempi dommaron en helecon" estas kaj restas por mi peza kombino. Eble: trempi dommaron en flamhelon, ĉar oni ja ne povas t r e m p i ion en ian e c o n...

En la esprimo: mortis Behrendt, longjara prezidinto de GEA, ni ne estas certaj, ĉu Behrendt eksiĝis jam antaŭ sia morto, aŭ nur pro sia morto. Se li eksiĝis a n t a ŭ sia morto, estus utile diri: mortis Behrendt, longjara eksprezidanto de GEA, sed se tio ne okazis, sufiĉis: mortis Behrendt, longjara prezidanto de GEA. Generale, al mi persone ne plaĉas tiaj esprimoj kiel: prezidinto, prezidonto. Ili ŝajnas al mi iom tro artefaritaj, nenaturaj; en neniu eŭropa lingvo ni trovas tiajn fleksiojn. Al mi ŝajnas, ke „prezidanto" enhavas iom el la titolo, sekve ne devas esti ŝanĝata, same kiel ni ne ŝanĝas „redaktoro", „sekretario" depende de la tempo de ilia redaktorado aŭ sekretariado.

„Simpatiulo" eble estas bona, sed eble „simpatianto" pli klare montras pri kio estas la parolo. „Simpatiulo" povas signifi ankaŭ homon simpatian laŭ karaktero, sed „simpatianto" ne elvokas konfuzon.

„La patro de Karlo ne estis en stato pagi", tiun esprimon mi trovis la unuan fojon en Esperanto. Ĝis nun ni uzis „ne povis pagi". Eble alilingvanoj klarigos al ni, ĉu ankaŭ en la lingvoj ĉeĥa, rusa, bulgara, hispana ktp. oni diras: być w stanie. Parenteze mi diras, ke mi jam vidis, ke ankaŭ polaj lingvistoj kritikis entute la ekzistrajton de „być w stanie". Tiuj polaj lingvistoj kondamnis ĝin dirante, ke nur „być w możności" estas korekta, dum „być w stanie" estas, laŭ ilia opinio, germanismo neallasebla.

„Mi pensas al veraj eraroj" estas francismo, anst. mi „pensas pri".

„Almenaŭ kun mi tio ne okazadis" d.e. almenaŭ al mi tio ne okazadis.

„Antaŭ ol li ne centfoje pripensis" estas ofta eraro de niaj komencantoj. „Antaŭ ol ne" egalas „post kiam (jes)"! Ekz. „ne kondamnu vian proksimulon, antaŭ ol vi ne elesploris lian aferon". Tio signifas rektan kontraŭon de la dirotaĵo: antaŭ neelesploro ne kondamnu...! Alivorte: kondamnu antaŭ elesploro!.. Aŭ: post elesploro n e kondamnu!..

Tiaj eraroj, oftaj ĉe niaj komencantoj, estas ekstermeblaj nur dank' al ofta konsciigado de si mem pri la fakto, ke Esperanto estas lingvo internacia, destinita por ĉiuj nacioj, sekve postulas unuecan ĉiean aplikadon. Ofte necesas iom enrigardi vortaron, por kontroli iun radikon skribotan por gazeto. Ekz. en iu numero de P. E. mi trovis ankaŭ: d e s t i l a d o, anst. la esperanta d i s t i l a d o. Mi petis la redakcion de P. E., ke ĝi montru al mi la koncernan manuskripton, ĉar mi pensis, ke estis nura preseraro. Bedaŭrinde, mi konstatis, ke estis alie.

## *RIMARKIGOJ DE LA LEGANTO DE P. E.*

Koncerne la julian numeron de P.E. mi rimarkis erarojn en la versaĵo de W. Pol:

la titolo devas esti: La kanto pri nia lando

4 strofo, 2 verso: Plenskribita jen surtere

10 strofo, 1 verso: ...Flugu aglo, flugu juna.

Ne domaĝos averti la legantojn pri eraroj.

La angulo de „Lingva esploro" tuŝas la problemon de ĝusta tradukado, kiu neniel povas esti laŭvorta, sed nur laŭsenca. Kiu ne direktas sian atenton al interna signifo de enpense naskiĝinta koncepto, povas tre facile esti delogata de ĝia vorta aspekto. Do la ĉefa afero

estas: per se eniri en la situacion kaj serĉi trafan por ĝi esprimon, sed ne: serĉi en vortaro vorton post vorto. Por tio estas nepre bezona kompleta kaj ama kompreno de sia propra lingvo.

„La „Lingva esploro" volas korekti kaj helpi, ĝia konsilo do devus esti pli kompleta, doni elektpovon por pli multaj situacioj, kie la koncerna esprimo laŭsence povus esti ne ĉiam samvorte tradukata. Niaj pensoj estas tre nuancriĉaj, ni serĉu por ĉiu nuanco alian esprimon kaj penu nian esprimpovon fari ĉiam pli fleksebla, al nia volo subiĝa, obea.

Ĉi-afere ŝajnas al mi la proponoj de „Lingva esploro" iom mankhavaj. Ekzemple:

1) tymczasem — Kaj ĝuste tio ne atestas, tio tamen ne atestas, tio anstataŭe ne atestas, tio laŭnune ne atestas.

2) znowu — tio ja ne estas tiel malfacila, tio cetere...

3) ograniczać się do — kontentiĝi per, resti nur ĉe, preferi, resti fidela al, esti rezervata nur al.

4) powstawać — ekestiĝi, elkreski, formiĝi, organiziĝi, esti konstruata, aranĝata, erektata.

5) okazało się — rezultis.

6) świetny mówca — signifas oratoron ne brilan aŭ brilantan pro siaj eksteraj ecoj (vestaĵo, ornamoj), sed sciantan konvinke, rave, sukcese paroli, mi tradukas do: brilparola, brilvorta, brilsukcesa. Esp-o devas esti pli preciza kaj esprimi ankaŭ la preterlasitan, sed pense asociatan nuancon.

7) nawrócić się — oni parolas nur ŝanĝante kredon, konfeson; metafore oni devas aldoni citosignon.

8) ekzistas poezio nek de Belmont, nek de iu alia. Poezio estas granda fako de verkado, laŭ kies leĝoj la poetoj esprimas siajn ideojn en formo kontrastanta al prozo.

Fine mi permesas al mi fari rimarkon, ke la artikolo de s-o Chmieliński (—kiun mi kontente aprobas—) pri novaj eblecoj koincidas kun mia propono se dita en februaro, traktas nur la aferon pli vaste kaj detale. Mi konstatas do, ke tiu formo de propagando estas pli ĝenerale atendata. La diferenco tamen enestas: En mia propono mi pensis pri propagando de pollandaj aferoj per Esp-o, la „novaj eblecoj" propagandas esp-on per esp-o.

**Józef Orzech.**

# LETERO EL NEDERLANDO.

Kara Pola lando! Kiom ege malmulte scias ĝenerale ni, nederlandanoj, kiuj tamen multe emas vojaĝi pri vi. Nun post la vojaĝo tra viaj ĉarmaj, vastaj grenkampoj, lagoj, arbaroj, pitoreska montaro kun Huculi-popolo, kaj urboj, mi ne komprenas, kial oni preskaŭ ĉiam de ĉi tie vojaĝas al aliaj landoj ol Polujo. Certe mi instigos de nun miajn gekonatojn viziti Polujon.

Por ke vi bone komprenu, kiel mi venis al Polujo, mi devas rakonti al vi, ke mi estas rajdantino (kvankam mi mem ne posedas ĉevalon, sed mi ofte rajdas ĉe amikoj, kiuj posedas) kaj anino de granda Nederlanda turista asocio, nomata A. M. W. B. Ĉi tiu asocio organizas ankaŭ eksterlandajn ekskursojn interalie ankaŭ ĉi tiun jaron al Polujo. „Polski Touring Klub" organizis la vojaĝon en Polujo, aŭ pli bone, ĝia vic-prez. sro Czezowski, al kiu ni ŝuldas multan dankon kaj respektplenan komplimenton. Ni komencis rajdi en Mogilno kaj de tie dum ses tagoj, poste ni vizitis Warszawa, Lwów kaj iris al la montaro kaj tie denove rajdis kaj poste vizitis Kraków.

Al S-ro Tomaszewski, kiu tre lerte kaj simpatie gvidis nin dum nia vagado tra la kampoj ni ankaŭ ŝuldas multon. Plue mankas al mi la vortoj por esprimi, kion mi sentas, pensante pri la bienposedantoj, kiuj ĉiuj senescepte gastigis nin kun tiom da koreco kaj afableco, ke ĝi preskaŭ konfuzis nin. Strange estas ke, kvankam en alia lando, ni tute ne sentiĝis kiel fremduloj, sed kontraŭe, kiam ni alvenis ĉie estis, kvazaŭ ni venas hejmen. La kialo? Tre simpla! ĉar inter la polaj familioj kaj ni regis ia frateco, kiu pliproksimigis al ni la polan landon kaj popolon.

En la regiono inter Mogilno kaj Warszawa ni ofte opinis esti en Nederlando.

Multe imponis nin la Huculi kun iliaj riĉe broditaj kostumoj. Kiaj fortaj, eltenkapablaj ĉevaletoj estas tiuj de la montaranoj! Ili portis nin la tutan, longan tagon trans malglataj rokoj, laŭ krutaj deklivoj, tra murmurantaj riveretoj kaj neniam eĉ ne unu minuton ni perdis la fidon en la kuraĝaj, fidelaj ĉevaletoj.

La urbon Kraków ni ege admiris „Wa-

wel" kun la palaco kaj katedralo kun la ĉerko de via Heroo Piłsudski.

Cetere, ni ĉie kaj ĉiam devis admiri vin tro multe por priskribi, tamen vi mem scias tion, kara Polujo, kaj mi devas diri, ke vi bone scias, per kio vi povas allogi kaj entuziasmiĝi eksterlandanojn. Kiam mi rigardas la fotojn, estas kvazaŭ bela sonĝo, kiu tro rapide forpasis, feliĉe ĉi tio ne estis sonĝo, sed bela, efektiva realeco.

Mi ankaŭ renkontis Esperantistojn: en Warszawa estis f-ino Weinstein, en Lwów s-ino Fels kaj en Kraków f-ino Weinsberg, al kiuj mi dankas, ke mi povis renkonti ilin kaj kun ĝojo mi konatiĝis kun ili, ĉar el la dek ok Nederlandan(in)oj mi estis sola Esperantistino kaj tiamaniere estis samtempe ĝojo kaj propagando. Bedaŭrinde, ke la bienposedantoj ankoraŭ ne ŝatas Esp., kun ili mi devis paroli france aŭ germane.

Bela Polujo, mi finas la leteron ne kun „adiaŭo" sed kun „ĝis la revido";

Ni vojaĝis de la 8-a—21-a de julio, surĉevale +—290 km.

**F-ino Bep Bresler.**

# PRI PACIGA RIMEDO.

Ĉiuj ni ĝuste valorigas la mondan interkorespondadon kiel fratigan kunlaboron porpacan. Ĝi estas ankaŭ perfektiga, tre grava faktoro, por niaj ankoraŭ malpli fortaj lingvanoj. Kaj plej rimarkinde estas, ke, en lastaj tempoj de esp.-progreso, ĝi ĉiam pligraviĝas por komerco, turismo, ĵurnalistoj kaj por diversaj entreprenoj.

Tial de longaj tempoj zorgemaj samideanoj kaj gazetoj plendas, ke sur tiu ĉi kampo mankas la ordo, ia reguligo. Korespondemuloj anoncas sin, aŭ proponas ian interŝanĝon, sed post la ricevo de multaj korespondaĵoj iuj fariĝas trompantoj, respondante nek foje la ricevaĵojn.

Lastatempe aperis en gazetoj ordigemaj artikoloj, kaj jen S-ro Bol. Czechowski el Pollando kaj S-ro Lütz Mohr el Germanujo interkonsente s'arigis la suban demandaron:

Al respond-trompitaj kaj al ĉiuj Esp.-Asocioj en la mondo.

Ĉu:

1. la respondo al korespondanto, skribanta laŭ gazetanonceto estas devo, ĉu societa komplezeco?

2. estas tolereble, se anoncinto, eĉ negarantianta vorte respondon, anoncas duafoje: „pro manko de tempo", „de mono", „tro multe ricevitaj korespondaĵoj" aŭ pro io ajn alia — „ne povas respondi"?

3. nerespondanto estas respondeca sola, ĉu kun liaj esp. kunvivuloj, precipe instruistoj kaj grupgvidantoj?

4. la loka grupo devas helpi aŭ anstataŭi, se eksterordinare la anoncinto ne povas respondi al ĉiuj?

5. severa, perasocia, publika aŭ persona persekutado de tia trompanto estas malutila por li kaj por esp.-movado?

6. nigra listo en gazetoj pri nerespondantoj utilas por nia movado?

7. oni povas postuli de anoncinto pagon de la korespondkostoj por ĉiuj trompitoj?

8. pli ĝuste estas, ke trompito pagu memorsumon, aŭ ĉu oni anoncu lin bojkotata ĝis la devoplenumo?

9. ĝuste estas atendi ĝis niaj mondasocioj okupos sin pri la ordigo de l' tuta afero, same ilter nemembraro, ĉu pli bone la trompitaj personoj interkompreniĝu kaj elektu „Delegitaron de Korespondemuloj" (D. K.) por ke ĝi ordigu la problemon?

10. pli bone estas trovi iel la monon (kaj kiel?) por administraj elspezoj de D. K., aŭ nepre pagu la trompitaj-plendantoj, ekz. la respondkuponon pro ĉiu esplorata nerespondo?

11. se ne almenaŭ 50 kunlaborantoj anonciĝos al D. K., tiam oni rezignu el ordigo de la problemo per D. K., aŭ kiaj paŝojn vi proponas plu?

Karaj Korespondemuloj, respond-Trompitoj, Asocioj kaj Amikoj de la probleme! Bonvolu respondi la demandaron baldaŭ, fariĝante la kunlaborantoj en la ordigo de tiu ĉi grava problemo. La demandojn ne ripetu nur samnumeru la respondojn. La projekto de la statuto por D.K. estas jam prilaborita. Laŭ viaj respondoj ni plikoniĝos ĝin kaj tuj sendos al vi por severa kritiko. La rezulton ni publikigos. Bonvolu ne prokrasti kaj respondaron adresi al: S-ro Bol. Czechowski, Susiec, p. Majdan Sop. en Lubelskie.

Aliajn redakciojn ni petas represi la demandaron, tiel helpante diskuti la aferon en ĉiuj landoj.

## *Tre estimata semideano!*

KARA POLA FRATO!

Tiuj intensaj interrilatoj, kiuj la hungararon kvazaŭ fratnacie ligas al la brava polaro historie, kulture kaj ĝeneralsence, nin inspiras nun je grava celado, per kiu ni povus pliprofundigi tiun ĉi fratan simpation kaj akceli la plukonstruadon de la kultura kunlaborado de ambaŭ popoloj.

La miksa ĥoro de la debrecena Szent **László Dalegylet** (Ĥoro de St. Ladislao), rajte fieranta pri multvalora pasinteco kaj sukcesoriĉa nuno, unu el la plej eminentaj katolikaj ĥoroj de Hungarujo, tia — intence planas dusemajnan koncertan rondvojaĝon en Polujo (Lwów, Przemyśl, Kraków, Częstochowa, eventuale Warszawa, Łódź, Lublin) en la printempo de la venonta jaro.

Por la ebligo kaj arango de tiu ĉi grava entrepreno, mi petas vian vastan helpadon konsciante pri tio, ke ni farus per la sukcesigo tre valoran servon por niaj nacioj kaj ankaŭ por Esperanto.

Bonvolu serĉi kontakton, faru pritrakton ĉi-rilate en via urbo kun la Pola-Hungara Amiko Societo (se tia ekzistas ĉe vi), kun la estraro de muziklernejoj, muzikrondoj, ĥoroj, kaj kun la episkopa kortego, ekleziaj societoj, paroĥestraro, resp. monaĥeja estraro, laŭ la subaj principoj, post kies reciproka akcepto ni povos baldaŭ precizigi ĉiun detalon.

**Plej gravaj sciindaĵoj:**

**La Ĥoro** de St. Ladislao koncertos kun 50—60 geanoj, ĉiuj el la inteligentularo.

**Koncerta tempo:**

Fino de aprilo, aŭ unua duono de majo 1936. Se vi povas proponi pli konvenan daton (ne vintre!) laŭ la lokaj cirkonstancoj, mi speciale dankos vin.

**Koncerta programo:** La plej valoraj verkoj de la plej eminentaj hungaraj komponistoj de la nuntempo en eklezia kaj profana (civila) fakoj el la skolo de komponisto Kodály.

**Ĥorestrantoj:** s-ro R. Kollventz ĥorestro de la St. Ladislao—Ĥoro kaj s-ro L. Bados profesoro de la Hungara Muzika Akademio (el Budapest) la plej eminenta disĉiplo de Kodály. En ĉiu urbo ni donus 1-e; koncerton por la urbanara publiko kaj 2-e: ni kantus plenan meson kun klasikaj eklezia ĥorkantoj en la tiea katedralo, se tiu ĉi preĝeja rolado estas konvena por vi ankaŭ el la vidpunkto de la dato de nia vizito en via urbo. En la publika koncerto krom nia ĥoro ni donus fortepianan programeron de budapeŝta artisto, aŭ se vi preferas, ni eĉ pli volonte akceptos la rolon de iu fortepian-artisto el via urbo, se tion vi ĝustatempe indikos. En nia koncerto ni volonte enprogramigos roladon de la plej eminenta ĥoro de via urbo, se tiu ĥoro hazarde estas lerneja ĥoro.

**Petoj kaj pretendoj** laŭ la ĝisnunaj arangokutimoj de similaj eksterlandaj koncertvojaĝoj:

1.) La nutradon kaj loĝejon (por tranokti) povus doni tieaj familioj, kiuj volonte gastigus 1—2 ĥoranojn (—inojn) dum 1—2 tagoj, senpage.

2.) Car ni devus niajn ceterajn elspezojn (vojaĝo ktp.) kovri parte per la enspezoj de la koncerto, ni petos informon pri la proksimuma sumo (ne procento), kiun vi povos certigi por ni el la koncertaj enspezoj.

Ĉiun apartan kaj propran proponon ĉi-rilatan ni danke akceptas kaj konsideros.

**Nia resuma peto estas do:**

Bonvolu akiri konfidindajn informojn de kompetentaj faktoroj laŭ niaj ĉi-supraj proponoj pri la ebleco aŭ neebleco de tia koncerta vojaĝo al via urbo kaj pri tio bonvolu laŭeble baldaŭ sciigi min, por ke ni povu trovi bazon por nia koncertvojaĝa plano.

Mi scias, ke mi petas de vi tromulton kaj ke mi kaŭzas al vi grandan penon, sed mi esperas, ke tiu amikeco kaj helpemo, kiun vi persone elmontris noble al mia modesta persono, nun tamen sugestos vin por la plenumo de tiu ĉi tre grava peto.

Se per via afabla helpo ni sukcesos efektivigi nian planon, ni pruvos denove al la mondo, ke Esperanto estas la plej genia, plej valora interligilo kaj peranto inter la popoloj diverslingvaj.

Nia ĥoro ja oficiale uzos Esperanton (ankaŭ la anoj) dum niaj ĉiuj roladoj en Polujo!

Ankoraŭ unu rimarkon! Ni dezirus, ke nian viziton, koncertadon, roladon en via urbo arangu iu asocio pol-hungara, kultura, muzika, eklezia, aŭ eĉ esperantista.

Ni akcentas, ke EN LA EBLIGO, ARANGO, SUKCESIGO DE SIMILCELA HUNGARLANDA VOJAĜO DE POLA ĤORO NI PLENPOVE KAJ ĈIUFORTE SERVOS AL VIA BONO.

Petante vian rapidan ekagon, fratan bonvolemon kaj dankante vin jam anticipe pro ĉiuj helpoj, mi restas tutkore Via hungara frato.

Debrecen, 26. V. 1935.

**József Mátyás**
estrarano de la St. Ladislao — Roro,
redaktoro de la Nova Turan.
Adr.: József Mátyás, Debrecen
Vigkedvü 4. Węgry.

---

**JULJUSZ SŁOWACKI.**

## *Interparolo kun piramidoj.*

„Piramidoj, ĉu vi havas
Sarkofagojn, ĉerkojn tiajn,
Kie nudajn glavojn niajn
Ni kun nia vengo savos,
Enterigos balzamitan,
Por estont' en stal' kaŝitan?"
— Portu glavon, venĝo-verkon...
Jes! ni havas tian ĉerkon!

„Piramidoj, ĉu vi havas
Tiajn ĉerkojn, tombajn nestojn,
Kie en balzamaj vestoj
Sin martiroj niaj savos
De putreco ĝis reveno
La patrujon en glorpleno?"
— Donu homojn, kiuj pravas...
Ni tombejojn tiujn havas.

„Piramidoj, ĉu posedas
Vi larm-urnojn al sopiro,
Kiu ploras post eliro
El pol-kampoj?... Jen malkredas
La patrinoj kortuŝitaj
Je reven' de l' ekzilitoj".
— Jes! ni kaŝas kun honoro
La larmujojn de l' doloro...

„Piramidoj, ĉu grand-kesto
Povas esti por sav-rolo,
Ĉerko, kie tut-popolo
Sur kruc' kuŝus, en majesto,
Por ke ĝin la sarkofago
Gardu dorman — ĝis glortago?!"
— Jes! balzamu mort-popolon...
Ni plenumos tian rolon.

„Piramidoj! ĉu troviĝos
Ĉerk' ankoraŭ surda, ia,
Ke spirito kuŝu mia,
Ĝis Polujo reviviĝos?"
— Ne! laboru kaj doloru...
Kredo forta al vi restas,
Ke popol' senmorta estas!
Ni — por mort-tombar' masiva,
Do ne por spirito viva!

El la pola tradukis
7. II. 1935. **Leo Belmont.**

## Varsovio, Warszawa aŭ Varŝavo ?

Oni devas konfesi, ke inter la pollanda esperantistaro regas granda konfuzo, eĉ pli — ĥaoso, konforme al nomigo de sia ĉefurbo. Antaŭ la milito la afero estis solvita. La ĉefurbo ricevis la plej internacian nomon — Varsovio, sub kiu ĝi estas jam vaste konata tra la tuta mondo. Post la milito pro ĉiam kreskantaj naciismemaj tendencoj, ankaŭ en la esperanta movado, oni ekuzis W a r s z a w a kaj ĝian esperantigitan formon V a r ŝ a v o. Ĉar fine oni ja devas alveni al iu certa decido estus bone komenci diskuton pri tiu ĉi temo. Nun mi klopodos iom priparoli la konformajn nomojn.

La formo Warszawa estas uzata de tiuj esperantistoj, kiuj severe sekvas la dogmon de la neŝanĝebleco de urbnomoj. Ili opinias, ke, se la urbo, ni diru, nomiĝas Warszawa, do sammaniere ĝi devas nepre resti ankaŭ en Esperanto. Sed tiu ĉi vidpunkto estas falsa, ĉar la nomoj de ĉefurboj ja estas konataj ĉie kaj multaj el ili en Esperanto jam delonge internaciiĝis. Ekzemple: oni ne diras Pario de Paris, sed Parizo, ne Kelno, sed Kolonjo, ne Anverso, sed Antverpeno k.t.p. La formo Warszawa ankaŭ ne estas elparolebla por eksterlandanoj, kiuj en la plej bona kazo diros: Wars-zawa. Ĝia anstataŭajo Varŝavo sonas iom arte kaj ne tro esperante. Ĝiaj derivaĵoj estas tre pezaj kaj nenaturaj. Ekzemple: Varŝavo, varŝavano, varŝavanino ktp.

La formo Varsovio, kiel mi jam diris, estas delonge konata kaj uzata. Ĝi havas jam sian tradicion kaj internacian karakteron. Ankaŭ tiu ĉi vorto estas tre fleksebla. Al naciistoj ni montru jenan ekzemplon: sur ĉiuj ŝtateldonitaj propagandaj afiŝoj por eksterlando tekstas: Varsovie (eldono por francoj), Warschau (por germanoj), Warsaw (por angloj). Do, ni por esperantistoj povas kaj devas uzi V a r s o v i o respektante kaj ŝatante la nomon Warszawa en la pola lingvo.

**I. Dratwer.**

---

# QUO VADIS?

Enkonduko kaj fragmento de la romano.
Radioprelego de PROF. DR. O. BUJWID.

La ĉefverko de Sienkiewicz, jam delonge tradukita je 36 diversaj lingvoj nun esperantigita majstre de la filino de nia Majstro, Lidja, estas tre disvastigita en ĉiuj civilizitaj landoj. Ĉu vi povas kredi, ke la unua eldono de la franca traduko en 1900 travivis ducent dudek eldonojn. Similan triumfon sukcesis nek unu alia libro. En Usono dum mallonga tempo disiris **400.000** ekzempleroj de la libro. Dum kelkaj monatoj oni faris 260 eldonojn. Vere amerika rekordo.

La francaj librovendistoj kalkulas, ke en Francujo disiris **du milionoj** da ekzempleroj.

La ĉarmo de la libro estas tia, ke unu anglino post la tralego de QV diris: La vivo ne plu estas valora. Mi jam tralegis QV.

Mi konsilas al ĉiuj niaj aŭskultantoj konatiĝi kun tiu genia verko, eldonita de la Amsterdama Populara Esperanto Biblioteko.

Estas kelkaj ne malpli famaj verkoj de Sienkiewicz, sed ili posedas pli nacian valoron por polaj nacianoj. Tiu ĉi estas vere internacia, de ĉiu naciano same komprenebla. Oni travivas tutan ĉiaman roman vivon de la Nerona epoko kun neesprimeblaj kruelaĵoj de la tirano, sed samtempe oni travivas la idealan, vivan, vere kortuŝan amon inter Vinicius kaj Lygia, estetajn sentaĵojn de Petronius, antaŭ ĉio tamen, veran profundan amon de kristanaj idealoj de unuaj kristanoj, kun Petro kaj Paulo, ilian martiradon, ligitan ofte kun tute homaj eraroj. Bedaŭrinde la limigita tempo de hodiaŭa parolado, malpermesas plienprofundiĝi en la valorojn de la verko, sed permesu, ke mi tralegu la rakonton de la legendo, je kiu baziĝas la tuta verko kaj ĝia titolo.

---

Persekutado de kristanoj furioziĝis en Romo. La vivo de apostolo Petro estis en danĝero.

„Rifuĝu for, nia paŝtisto!" diris la kristanoj.

Petro hezitis. Lia ŝafaro estis disbatita, la verko detruita. Iafoje li diradis al si mem, ke li ne povas batali kun Cezaro de Romo. Tion povus fari nur Kristo mem.

Je la krepusko de la sekvinta mateno, du malhelaj figuroj iris la Appian vojon al la ebenaĵoj de Kampanio.

La vojo estis senhoma. La kamparanoj, kiuj portadis legomojn en la urbon, ne aljungis ankoraŭ videble siajn veturilojn.

Poste la suno elaperis trans la montaraj interpintoj, sed kune stranga vido frapis la okulojn de la apostolo. Ekŝajnis al li, ke la ora disko anstataŭ leviĝadi ĉiam pli alten sur la ĉielo, deŝovis sin de la montaroj kaj ruliĝas sur la vojo.

Tiam Petro haltis kaj diris:

„Ĉu vi vidas tiun lumon, kiu alproksimiĝas al ni?"

„Mi vidas nenion" — respondis Nazarius.

Sed Petro post momento ekparolis ŝirminte la okulojn per la mano:

„Iu venas al ni, en la suna brilo".

Iliajn orelojn ne atingis tamen plej eta rebruo de paŝoj. Ĉirkaŭe estis tute silente. Nazarius vidis nur, ke for, malproksime tremas la arboj kvazaŭ iu ilin skuus, kaj la brilo disversiĝas pli vaste sur la ebenaĵo. Li komencis rigardi kun miro la apostolon.

„Rabeno, kio estas al vi!" — ekkriis li maltrankvile.

Kaj el la mano de Petro elŝovis sin la vojaĝa bastono teren, la okuloj rigardis senĉese antaŭen, la buŝo estis malfermita, sur la vizaĝo bildiĝis miro, ĝojo, ravo. Subite li ĵetis sin surgenuen, kun brakoj etenditaj antaŭen, kaj el lia buŝo eliĝis la ekkrio:

„Ho Kristo..... Kristo!...."

Kaj li falis kapteren, kvazaŭ li kisis ies piedojn.

Longe daŭris la silento, poste — en mallaŭto — aŭdiĝis plorrompataj vortoj de maljunulo:

„QUO VADIS, DOMINE?...."

Nazarius ne aŭdis respondon, sed la orelojn de Petro atingis la voĉo malgaja kaj dolĉa, kiu diris:

„Kiam vi forlasas mian popolon, mi iras Romon por ke oni krucumu min tie duafoje".

La apostolo kuŝis surtere, kun vizaĝo en la polvo, senmova kaj silenta. Al Nazarius ŝajnis jam, ke li svenis aŭ mortis, sed li leviĝis fine, per tremantaj manoj prenis la pilgriman bastonon kaj, nenion dirante, returniĝis al la sep montaĵoj de la urbo.

Kaj la knabo vidante tion, ripetis kiel eĥo:

„Quo vadis Domine?"

„Romon!" — respondis mallaŭte la apostolo.

Kaj li revenis.

Paŭlo, Johano, Linus kaj ĉiuj kredantoj akceptis lin kun miro kaj timo tiom pli granda, ke ĝuste en la krepusko, tuj post lia eliro, pretorianoj ekĉirkaŭis la loĝejon de Miriam kaj serĉis en ĝi la apostolon. Sed al ĉiuj iliaj demandoj li respondadis nur kun ĝojo kaj trankvilo: „Mi vidis la Sinjoron".

Kaj ankoraŭ en la sama vespero li iris en la tombejon en Ostriano, por instruadi kaj bapti ĉiujn, kiuj volis baniĝi en la akvo de la vivo.

De tiam li venadis tien ĉiutage, kaj post li venadis amasoj ĉiutage pli grandaj. Ŝajnis, ke el ĉiu martira larmo naskiĝas novaj konfesantoj kaj ke ĉiu ĝemo sur la areno de la cirko eĥiĝas en la miloj da brustoj. La cezaro vadis en sango, Romo kaj la tuta idolana mondo frenezis. Sed tiuj, kiuj ŝufice jam havis da krimoj kaj frenezaĵoj, tiuj, kiuj ene piedpremis, tiuj, kies vivo estis konstanta malbonsorto kaj sufero, ĉiuj premitoj, ĉiuj malĝojantoj, ĉiuj malfeliĉuloj venadis por aŭskulti strangan rakonton pri Dio, kiu pro amo al homoj lasis sin krucumi por elaĉeti iliajn kulpojn.

Kaj Petro ekkomprenis, ke nek la cezaro nek ĉiuj liaj legioj venkos la vivan veron, ke superverŝos nek larmoj, nek sango kaj ke nun komenciĝas ĝia venko. Li ekkomprenis ankaŭ kial la Sinjoro revenigis lin de la vojo: ĉar tiu ĉi urbo de fiereco, krimoj, malĉasteco kaj potenco, komencis esti LIA urbo kaj metropolo, el kiu fluis sur la tutan mondon la komando de la korpoj kaj de la animoj.

—— Tralegita antaŭ la mikrofonoj de Polskie Radjo per s-o L. Kutscher la 2. I. 1935.

  

# POLLANDA KRONIKO

  

**LWÓW.** Haltis en nia urbo jenaj samideanoj, ĝoje salutitaj. Red. Leuenberger el Svisujo, Fraŭl. Bresler, nederlanda Delegitino, S-ro Profesoro Pamporow el Bulgarujo, Dr. Mildwurf el Wien, S-ro Red. Fechter el Parizo. — Plezure oni akceptis 540 hungarojn skoltojn revenantajn el Spala, Budapeŝton. Hungara Konsulreprezentanto akceptis ĉe l' stacidomo. Fraŭlino Minuŝka Mantel salutis hungar — kaj esperantlingve la multnombrajn samideanojn, gviditajn de skoltoficiro Strĉkoviĉ. — Preterpasantaj nian urbon gastoj, bonvolu ĝustatempe sciigi fraŭl. Mantel, ulica Janowska 109, kiu stacidomservas kaj gvidas.

**SUSIEC.** En tiu ĉi malgranda vilaĝo ĵus estis finita la kurso por stacidoma oficistaro. Organizis staciestro S-ro St. Mlct. Instruis Cseh-metode S-ro Bol. Czechowski. Kursanoj formis grupon, perfektiĝas, korespondas, aĉetis literaturon ktp. — La dua kurso estos aŭtune.

**WILNO.** La 15. 7. 1935, la turista esperantista rondo **(TERO)** ĉe **Ż.T.K.** aranĝis renkontiĝon en kafejo „Torenberg", kiun partoprenis vilnaj gesamideanoj (polaj, rusaj, judaj, germanaj) kaj la hazarde alveninta en Vilno bulgara gasto, s-ano (jurnalisto) P. G. **Pamparov.** En la nomo de T.E.R.O. salutis la gaston v-prezidanto, s-ano S. Szyk. S-ro Pamparov prelegis pri sia bela patrujo Bulgarujo, kiel lando de turismo kaj rozoj, montrante, samtempe diversajn belegajn bildojn kaj fotojn. Parolante pri diversaj internaciaj movadoj en Bulgarujo, li atentigis, ke gravan lokon okupas abstinenca, vegetara kaj Esp. movadoj. Krome tre sukcese disvastiĝas ideo de Petro Danov pri Universala Frataro. Petro Danov estas fervora s-ano kaj propagandas la ideon de Universala Frataro en la tuta mondo per Esperanto. La nove kreita movado de Petro Danov celas al pura amo kaj paco inter ĉiuj popoloj. S-o Pamparov ankaŭ kantis diversajn esp. kaj bulgarajn kantojn. Per la esp. himno „Espero" estis finita la interesa kunveno de Vilnaj geesperantistoj.

Samideanoj el la tuta mondo amase postulu informojn, prospektojn pri Varŝavo en Esperanto de **Związek Propagandy Turystycznej m. st. Warszawy** (Societo por Turisma Propagando en Varsovio), **Warszawa, Wierzbowa 8. Polujo.** Estante en Varsovio ne forgesu viziti oficejon de la Societo.

Ĉiuj esperantaj gazetoj estas petataj represi tiun ĉi komunikon, ĉar temas pri esperantiĝo de tre grava organizaĵo.

## PRI LA POLLANDA KONGRESO DE ESPERANTO.

La prokrastita kongreso okazos en Krakovo. La organiza komitato, dezirante plenumi dezirojn de interesatoj, petas ĉiujn grupojn kaj partoprenontajn izolulojn proponi la plej konvenan por ili daton, kiam la kongreso okazu.

Pollanda Esperanto-Delegitaro,
Kraków, Lubicz 34.

# M|S „PIŁSUDSKI"

## NOVA AKIRO DE POLA KOMERCA ŜIPARO.

La 22-an de aŭgusto k.j. en radioj de l' ora suno en haveno Triest ĉe l' sonoj de pola nacia himno estis levata la pola ŝipa flaĝo sur ĵus finita pasaĝera motorŝipo, kiu ĉe marbapto ricevis la nomon „Piłsudski". En tiu momento la pola komerca ŝiparo grandiĝis oficiale je nova ŝipo, destinita por marveturado tra Atlantiko, de Gdynia ĝis New York.

La ŝipo la 27-an de aŭgusto elveturis el Triesto por vojiro ĉirkaŭ Eŭropo al Gdynia, kie ĝi troviĝos la 12 de septembro k. j., por post tri tagoj komenci jam sian regulan vojaĝadon al bordoj de Nord-Ameriko.

La tago de alveno de „Piłsudski" al Gdynia estos granda kaj solena festo por la Pola Maro kaj samtempe por la tuta pola Nacio, kiu en entrepreno de laboro pere de tiu grandzioza ŝipo ekvidos pluan, grandan paŝon en disvolviĝo de nia marlaboro, sen kiu ne ekzistus potenca Pollando.

Ok jaroj pasis de la momento, kiam la unua pola komerca ŝipo elveturis kun karbo for de la bordo. Kvin jaroj pasis, kiam trans oceanon naĝis unua pasaĝera pola ŝipo. En tiu mallonga tempo grandiĝis impone la pola ŝiparo kaj ĉiam ĝi plue efike progresas. En tiu ŝiparo la motorŝipo „Piłsudski" okupos kun sia frato, motorŝipo „Batory", kiu post 6 monatoj komencos sian marlaboron, ĉefan lokon. Ĝi estas hodiaŭ la plej granda, kaj samtempe la plej rapida pola ŝipo. La vojon Gdynia — New-York ĝi traveturos dum ne tutaj 9 tagoj, dank' al kio ĝi fariĝos unu el plej rapidaj kunigiloj de Baltiko kun Ameriko, distancante la danajn, svedajn kaj finajn ŝipojn.

„Piłsudski" ampleksos 760 personojn en du klasoj. La kajutoj estas oportunaj, la manĝoĉambroj kaj salonoj luksaj. La ŝipo estas movata per du naŭcilindraj motoroj de Diesl je forto de 13.000 meĥanikaj ĉevaloj. La ŝippersonaro kalkulas ĉirkaŭ 250 personojn. Ĉiuj internaĵoj de la ŝipo estas dekoritaj majstre de famaj pentristoj kaj skulptistoj.

La nova ŝipo ricevis la nomon de la Renoviginto kaj Organizinto de la Ŝtato, por en sia marlaboro disvastigi la gloron kaj potencon de Polujo, ĝian marŝon antaŭen.

Post neforgesebla, neniam sufiĉe bedaŭrata, morto de Marŝalo tiu ŝipo fariĝis grandioza monumento de Lia memoro, kiu gloros Polujon kaj nomon de ĝia Marŝalo, anoncante samtempe, ke la volo kaj penso de Marŝalo vivas inter ni, kaj kondukos nin en la batalon por nacia glorplena estonteco sur vojoj de Liaj ideoj kiuj ankaŭ sur maro restos por ĉiam kiel nevenkebla profito de nia Nacio.

Tial do, kiam grandioza ŝipo „Piłsudski" elveturos la 15-an de septembro el Gdynia sur senlimajn vojojn de Atlantiko por porti en Amerikon kaj en ĝi loĝanta multmiliona nombro da polaj elmigrintoj novan pruvon de disvolviĝo de pola potenco, ni direktu al ĝia flaĝo bondezirojn el tuta lando, por ke ĝi ĉiam feliĉe sur siaj longaj marvojoj plenumu destinitan rolon, kaj estante hodiaŭ ĉefa reprezentanto de pola ŝiparo, malfermu novajn etapojn de nia granda disvolviĝo kaj ĉiam pli efika laboro sur areno de l' mondo. **N. Bertiżanka.**

# NOVAĴOJ EL ESPERANTUJO

**VI-a kongreso de esperantistoj de Ĉeĥoslovaka respubliko** estas kunvokita en Brnon. Ĝi okazos 27—29-an de septembro 1935. En ĝi estos diskutataj ĉiuj aktualaj temoj de la movado kaj starigita unuigita enlanda organizaĵo. Partopreno tre grava! Amuzan programon de l' kongreso prizorgos ĉefe Trakl-grupo, bone konata el tre ŝatataj esperantlingvaj disaŭdigoj de brna radio-stacio. Aro cojn akceptas L.K.K. (Adreso: Jos. Vondroušek, Brno - N. Černovice, Školni 69). La kongresa kotizo estas Kĉ 14.

**La Departamento de Propagando kaj Kultura Disvastiĝo** decidis alpreni Esperanton por la disradiado de la oficialaj fremdlingvaj bultenoj kun informoj pri Brazilo. Ĉiumarde de la 20.15 ĝis 20.20 (horo de Rio-de-Janeiro), pere de la stacio PRF. 5 (ondo 34,55 m.), ĝi disradios la esperantan bultenon kaj muzikon kun kanto en Esperanto. La inaŭguro okazis la 2-an de julio kun saluto de Prof. E. Backheuser kaj esperantista himno. Tradukis kaj legis la bultenon d-ro Porto Carreiro Neto. Ĉeestis la inaŭguron la e-

straro de B.L.E. kaj d-ro Viterbo de Carvalho, direktoro de la Ŝtata Presejo.

Bonvolu diskonigi kaj saluti la direktoron de: „Departamento de Propaganda e Difusao Cultural. Imprensa Nacional. **Rio de Janeiro**. Brasil".

## NOVA ELDONO DE GVIDLIBRO „JAPANUJO" APERIS DE JAPANA FERVOJA MINISTERIO.

TURISMO estas rigardata grave ankaŭ en Japanujo en lastaj jaroj pro akcela plimultiĝo de fremdlandaj turistoj al Japanujo. Ĉi-suba statistiko elokvente parolas la fakton:

Fremdlandaj vizitintoj al Japanujo:

| | | |
|---|---|---|
| En la jaro | 1932 | 20.906 |
| „ „ „ | 1933 | 26.264 |
| „ „ „ | 1934 | 35.196 |

De tiu tendenco, sekve, ĉio en turisma kampo faris ja mirindan progreson en diversaj flankoj; sinsekva fondiĝo de turismaj oficejoj kaj agentejoj, kaj konstruado de bonaj hoteloj en turismaj lokoj, plifaciligo de komunikado, k.c. Kaj ĉarmoj de l' naturo kaj propra gastameco de japanaj popoloj, nun per la aldono de diversaj bonaranĝoj por turistoj firmigis la famon de Japanujo, kiel ideala turistolando.

En Japana Fervoja Ministrejo, kun kiu kredeble vi estas intimaj per „JAPANLANDO" gvidlibro ampleksa, bonega kaj imponа, sin trovas Direkcio por Turismo (KOKUSAI KANKOO-KJOKU), jam de 5 jaroj. Kaj ĝi plej eble klopodas konigi japanajn belecon kaj kulturon per eldono de diversaj gazetoj, gvidlibroj prospektoj kaj ceteraj. En la lasta jaro la Direkcio decidis eldoni novajn gvidlibrojn en ses lingvoj, el kiuj unu estas komprenebIe Esperanto. Ĉar la Direkcio konsideris la lastan tendencon de turisma kampo kaj ankaŭ praktikan utilecon de nia lingvo ESPERANTO.

Ĝia eldoniĝo kompreneble multe ŝuldas al samideanoj en la tuta mondo, ĉar ĉiuokaze ilia ofta letero kaj karto estas la plej bona kaj freŝa instigo kaj samtempe estas la plej taŭga kaj efika demonstracio.

Ni membroj de komitato en JAPANA ESPERANTISTA LIGO FERVOJISTA, kiu helpis la eldonon per senĉesa klopodo, kun granda ĝojo kaj plezuro esprimas dankon al ĉiuj samideanoj en la tuta mondo por ĝisnunaj kaj ankaŭ por estontaj daŭraj instigoj.

„J A P A N U J O" estas la titolo de la nova gvidlibro kun 20 p. kaj 24 ravaj fotoj. Ne tiel dika estas la eldonaĵo, tamen tre lerte kompilita ĝi prezentas ĉiujn flankojn simple, sed bone kun belaj fotoj. Per tiu ĉi libro vi povos akiri etan konon pri Japanujo, kiu estas lando maljuna kun historio de 3.000 jaroj, kaj kiu samtempe estas juna vivoplena, moderna kaj industria lando.

Do, pere de tiu ĉi gvidlibro vi fariĝu pli intimaj kun la Direkcio kaj kion ajn rekte demandu al ĝi por via estonta plezura vojaĝo al Oriento, al bela Japanujo.

„J A P A N U J O" estas akirebla **senpage**, do samideanoj en la tuta mondo senescepte, senproklaste, tuj skribu al la adreso, alie ĝi tre baldaŭ elĉerpiĝos.

Ni esperas, ke vi tre bone montros la potencon kaj taŭgecon de nia lingvo en internacia turismo per viaj viglaj metodoj! Adreso estas:

**Direkcio por Turismo** (KOKUSAI KANKOO-KJOKU) en Japana Fervoja Ministrejo. TOKIO, **Japanujo**.

**Japanujo ĉiam pli multe utiligas Esperanton por propagandaj celoj.**

La plej multaj esperantistoj estas en Japanujo. Tie la esperanta movado fariĝis amasa, atinginte la plej vastan publikon. Tio estas rezulto de kompreno, kiun montris la Japanoj al Esperanto. En Japanujo aperas dekkelkaj gazetoj esperantaj, krome la Japana Esperanta Instituto eldonas ĉiam novajn librojn, tradukojn el la japana literaturo kaj originalaĵojn. Antaŭ kelkaj semajnoj la nomita Instituto aperigis Japanan-Esperantan vortaron, kiu estas la plej granda vortaro esperanta en la mondo. Ĝi ampleksas pli ol 800 paĝojn kaj klarigas ĉirkaŭ 80.000 vortojn.

Jus ni eksciis, ke en TOKIO fondiĝis nova esperanta societo sub nomo „SOCIETO DE ORIENTA KULTURO" (S. O. K.), kies celo estas, helpe de Esperanto propagandi Japanujon kaj la Orientan Kulturon. La societo ŝtrebos al sia celo per eldono de diversaj libroj konformaj al tiu celo kaj per eldonado de speciala ĵurnalo. La estrecon de la societo transprenis la konata japana esperanta verkisto kaj tradukanto, S-ro Kijo Cujuki. La adreso de la Redakcio de S.O.K. estas:

K. CUJUKI (Tuyuki), Komagome-Dozaka 326, TOKIO, Japanujo.



# RECENZOJ.



## „LITERATURA ŁODZI W CIĄGU JEJ ISTNIENIA".

Jednym ze skuteczych sposobów propagandy Esperanta jest umieszczanie części esp. w utworze fachowym, wśród innych działów specjalnych. Naprz. w dziele technicznem czy lekarskiem streszczenie lub referat esperancki, dostając się do rąk fachowców-nieesperantysłów, każe myśleć o Esp., przeczytać streszczenie, zastanowić się nad łatwością języka i nad korzyścią jednego wspólnego języka pomocniczego.

Ta metoda ostatnio często stosowana, przysporzyła nam niejednego zwolennika wśród literatów, dziennikarzy, inżynierów, lekarzy, pedagogów i. t. d.

Ukazała się ostatnio na rynku księgarskim książka p. t. **„LITERATURA ŁODZI W CIĄGU JEJ ISTNIENIA".** Szkic literacki i antologja **Ludwika Stolarzewicza** (nakładem księgarni S. Seipelta w Łodzi — stron 370).

Książka ta winna zainteresować każdego esperantystę polskiego. Mamy tu cały szereg szkiców literackich (naprz. „Łódź w czasie okupacji niemieckiej", „Życie literacko-naukowe Łodzi", — „Którzy wyszli i przeszli przez Łódź" i. t. d.).

Z ostatniego szkicu dowiadujemy się, że przez Łódź „przeszli" Ignacy Dąbrowski, Wład. Reymont, Juljam Tuwim, Wittlin, Paweł Hulka-Laskowski, Światopełk-Karpiński, — że tutaj tworzyli i z Łodzią są poniekąd związani duchowo.

Szkic Józefa Piłsudskiego p. t. „Łódzka drukarnia Robotnika" stanowi ciekawy dokument z dziejów zmagania się socjalizmu polskiego z zaborcą rosyjskim.

Mamy tu mnóstwo przepięknych fragmentów z utworów Wład. Reymonta, Stefana Żeromskiego, Juljana Tuwima, Artura Gliszczyńskiego, Andrzeja Struga i innych.

Książka jest zatem ciekawa nietylko dla miłośników Łodzi, ale dla wszystkich, którzy interesują się dziejami Polski ostatnich lat.

Właśnie w omawianej książce została zastosowana metoda propagandy Esp., o jakiej wyżej mowa. Jest tu dział p. t. **„Karta z dziejów Esp. w Polsce"** pióra znanego pioniera Esp., Wł. **Pfeiffera.**

Jak to się stało, że mamy tu część esperancką. Oto dwaj Łodzianie, chlubnie znani w świecie esperanckim, p. St. **Karolczyk** i St. **Braun,** w Łodzi tworzyli swe poezje w języku Esp. — W roku 1910 wydali zbiór poezji p. t. **„Unuaj agordoj",** jeden z pierwszych zbiorów poezji esp. oryginalnej. Poezje te, piękne pod względem treści i formy, rozeszły się po całym świecie i były świadectwem żywotności Polski i jej synów, którzy w latach niewoli nietylko nie tracili nadziei na zmartwychwstanie ojczyzny, ale potrafili objąć myślą swoją rozległe horyzonty całej kuli ziemskiej, głosząc kult sprawiedliwości powszechnej.

Te piękne utwory są podane w tłumaczeniu polskiem **Leo Belmonta.** Nie trzeba tedy dodawać, że stanowią perły literackie, nadając się ze wszechmiar do recytowania na zebraniach esperanckich.

Redaktorowi książki **„LITERATURA ŁODZI"** należy się wdzięczność za umieszczenie działu esperanckiego. Spewnością niejednego niedowiarka przekona, że żyjemy, że tworzymy, że mamy wśród nas niepoślednie siły literackie. Mało kto wie naprz., że Juljan Tuwim przełożył na Esp. liczne utwory Słowackiego, Tetmajera, Staffa, nowele Prusa.

Jako ciekawy przyczynek do historji Esp. w Polsce, książka Stolarzewicza winna znaleźć się w esp. zbiorach i w rękach naszych propagatorów.

Zaznaczam, że cena jest specjalnie obniżona dla esperantystów (7 złotych łącznie z przesyłką).

**Dr. W. Róbin**


PRENUMERATA: rocznie zł. 8.—, półrocznie zł. 4.— Dla Towarzystw i grup esper. rocznie zł. 6.— Zagranicą: 5 fr. szw. Numer pojedynczy zł. 0.70. podwójny zł. 1.40.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł. 30.— 1/4 strony zł. 15.— 1/8 strony zł. 10.— Korespondencja: małe ogłosz. z 10 słów (prócz adresu) zł. 1.—

ABONO: jare zł. 8.—, duonjare zł. 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł. 6. — Eksterlande 5 sv. fr. Aparta numero zł. 0.70 duobla zł. 1.40.

ANONCOJ 1/2 paĝo zł. 30.— 1/4 paĝo zł. 15.— 1/8 paĝo zł. 10.— Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł. 1.—

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKOW, LUBICZ 34. KONTO P. K. O. NR. 406.669

Drukarnia L. Gronusia i Ski, Kraków, ul. Stolarska 8. Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.